# tempo

**Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo**
*Časopis Hrvatskog saveza za esperanto*

decembro 2012 / n-ro **117**



# Karaj legantoj

Jen la lasta numero de **Tempo** en la jaro 2012 per kiu nia gazeto finis la 31 jaron da sia aperado! Finiĝis la jaro 2012 en kiu la kroataj kaj la mondaj esperantistoj festis la **125-jaron** ekde apero de la unua lernolibro pri Esperanto en Varsovio.

Sur la kovrila foto de **Davor Klobučar** vi havas saluton el **Esperanto-Strato** en **Osijek**.

Decembro laŭtradicie estas la monato en kiu ni omaĝas al **Zamenhof** per diversaj programoj okazigataj lige al **Zamenhof,** kaj la tago de la esperanta libro.

**Varaždin** festis la 14-an de decembro per ekspozicio pri **Tibor Sekelj** kiun en **Urba biblioteko kaj legejo Metel Ožegović** / Fako pri la internacia literaturo preparis **Janja Kelava**. Prelegis **Spomenka Štimec**.

Samtage oni havis en **Split** festkunvenon por honori **Lazaron Ludovikon Zamenhof** en la ejoj de Gradski kotar Lovret en Gundulićeva 11, kiujn la societo uzas. Pri tio informas nin la kluba bulteno Esperanto por novembro/decembro redaktata de **Vukašin Dimitrijević**.

**Bjelovara Esperanto-Societo** invitis al **Bjelovar** la 15-an de decembro kie por la bela festo kolektiĝis okdeko da esperantistoj el la tuta lando. Bonvolu legi raporton de **Zdenka Polašek** pri la aranĝo.

**Esperanto Societo** en **Rijeka** solenis pri Zamenhof la 17-an de decembro en siaj klubaj ejoj.

Libron okaze de Zamenhof-tago eldonis **Etnografia muzeo** en **Zagrebo**. La libreto **Tibor Sekelj – Drugi ljudi i krajevi** honoris la donacinton de Etnografia muzeo **Tibor Sekelj**. La dulingva libreto, la kroata kaj la angla, enhavas kontribuojn el la plumoj de **D-ro Aleksandra Sanja Lazareyić** kaj de **Damodar Frlan**, **Spomenka Štimec** kaj **Želimir Koščević**. Esperantlingvan artikolon pri **Tibor Sekelj** verkis **Zlatko Tišljar**. La multnombrajn fotojn por la libreto disponigis la arkivo de **Tibor Sekelj** kiun prizorgas lia vidvino **Erzsebet Sekelj** el **Hungario**. La libro estis prezentita la 19an de decembro en la ekspoziciejo de **Etnografia muzeo**, kie sesdeko da personoj povis admiri la objektojn alportitajn de **Sekelj el Sudameriko, Aŭstralio** kaj **Polinezio** kaj **donacitajn** al **la Etnografia muzeo** fare de **Tibor Sekelj** mem.

Ni pruntis el nia biblioteko al **Etnografia muzeo** dudekon da libroj pri **Tibor Sekelj,** kiuj estis ekspoziciitaj okaze de la programo kun aliaj libroj el la plumo de **Sekelj.**

**El Bibliotekoj de la urbo Zagrebo – Urba biblioteko kaj legejo Travno** vizitis nin nia iama membro, bibliotekistino, **Vesna Radošević** por prunti librojn eldonitajn pri **Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić** en **Azio** (tradukitajn al aziaj lingvoj el Esperanto). La biblioteko festos en januaro 2013 la 100-jaran jubileon ekde la unua apero de la libro pri Hlapić en 1913. En la biblioteko okazos ekspozicio pri la desegnoj pri Hlapić tra la jarcento. Dum la tuta jaro 2013 okazos diversaj festoj por honori la centan jubileon de Hlapić. La dekano de porinstruista fakultato en **Petrinja Berislav Majhut** invitis **Spomenka Štimec** prelegi en januaro en la **Instruista Fakultato Petrinja** pri la traduklaboro rilata al Hlapić en **Japanio, Irano, Hinda Unio, Vjetnamio** kaj **Ĉinio**. Tio estos ankaŭ okazo por kultura elpaŝo de la lastatempe fondita **Esperanto-Societo el Petrinja**.

**Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj** havis sian elektan jarkunvenon la 17an de novembro 2012. La societon en la venonta same kiel en la antaŭa mandato gvidas **Antun Kovač,** prezidanto kaj **Dragan Štoković,** sekretario.

Antaŭ ni estas la jaro 2013 kiam la Universala Kongreso de Esperanto okazos en **Rejkjaviko** de la 20a -27a de julio. La kongresa temo **Insuloj sen izoliĝo** traktos justan komunikadon. Ni publikigas poemon **Miaj ĉinaj genepoj** de **Baldur Rangnarsson** por honori kandidaton por Nobelpremio pri literaturo el **Islando** en 2013.

Vojaĝon por pluraj niaj membroj **Islanden** preparas **Višnja Branković** kun sia firmao **Orbis Pictus**. **Israelo** invitas al Internacia Junulara Kongreso. Enkonduke al **Islando** en **Germanio** en la Esperanto-urbo **Herzberg am Harz** okazos ILEI – konferenco, la konferenco de **Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj. Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj** okazos en 2013 en **Bulgario.**

La foto farita de **Spomenka Štimec** en la rubriko **Karaj legantoj** estas de **Antonija Jozičić,** la instruistino kiu en 1913 en eta limloko **Kostajnica,** proksime al **Bosnio,** propraeldone publikigis sian esperantan tradukon de la roman **Konfeso** de **Milka Pogačić.** Per tiu traduko aperis la unua kroata traduko ĉinen en **Ŝanhajo** en **1931** el la plumo de **Wang Luyan**. Ni troviĝas antaŭ la centa jubileo de la publikigo de la traduko de **Antonija Jozičić**.



Parolante pri la jaroj, ISSN-oficejo de Nacia kaj universitata biblioteko atentigis nin ke **Tempo** en la jaro 2012 estas en la tridekunua jaro ekde sia aperado. Konforme al tiu atentigo ni korektis la jaron por la numero 117en la kolofono. 31 jaroj da aperado! Gratulon al la persistemaj redaktoroj kaj legantoj!

Kroata ŝtata arkivo informis nin ke **Kroata Esperanto-Ligo** estas konsiderata **apartenanta al la unua kategorio de arkivkreantoj,** kaj ke konforme al tio ni devas, antaŭ ol entrepreni ion ajn pri la arkivo, peti la konsenton de la koncerna **Kroata ŝtata arkivo.** Ni invitos la koncernan oficiston viziti nian oficejon en 2013 por konatiĝi kun nia arkivo.

Ni traktas kun la **Biblioteko** de la **Unua gimnazio en Varaždin** pri nia gastado per la temo pri la familio Zamenhof okaze de la tago de la memoroj pri la viktimoj de holokausto en januaro 2013.

Ni finas la ekonomie tre malfacilan jaron 2012 per la atingo ke nia ejo **Vodnikova 9** per 1000 kn monate financas niajn ejojn en Knez Mislav 11. Kiel eblas? La kreditdonantoj konsentis pri malpli rapida repagado de la kreditoj por ke KEL ne havu problemojn pri sia oficejo. Bonvolu vidi la staton de la repagoj de la kreditoj en la rubriko **Vodnikova 9.** El nia granda kredito restis la ŝuldo de 9.779,53 eŭroj (komence 50.500 eŭroj). Post plena elpago de ĉiuj aliaj malgrandaj kreditoj, nun restis nur ŝuldo ĉe Esperanto-societo "Trixini" (17.321,04 eŭroj) kaj ĉe Esperanto-Societo Rijeka (2.464,15 eŭroj).

La estraro de Kroata Esperanto-Ligo ne kunsidis en decembro. Sekve la invito de Popola Universitato el **Umag** por la 11a Kongreso de kroataj esperantistoj en 2013 en **Umag** ne estis traktita.

En **Pekino** mortis la 10-an de novembro 2012 nia kunlaboranto akademiano **Li Shijun - Laŭlum.**

Por honori lin, ni finas la jaron 2012 per liaj versoj por komencantoj **Floru**.

Ni deziras al vi **feliĉan Kristnaskon** kaj fruktodonan **Novan jaron 2013** per la foto de **Dunja Šverko** el **Križevci.** La flordesegno de ĉina kunlaboranto **Wen Jingen** anoncas ke printempo ne estas malproksime.

*Floru*
*Venos fino de la jaro*
*kaj jam ekos januaro.*
*Mi penados kun espero*
*Floru, fruktu, mia faro.*

(El „222 Simplaj Versaĵoj por Komencantoj", Pekino 1995)

*Spomenka Štimec*


Fondita en 1980. Ne aperis en la militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare. Jaro XXXI, numero 117 (4/2012). ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de **Turisma asocio de la urbo Zagrebo.**
**Tempo** aperas sone sur kompaktdisko ĉe Unuiĝo de nevidantaj esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec.
**Redakcio**: Kneza Mislava 11/III, HR 10000 Zagreb, Kroatio, tel. (385 (1) 4617550, fakso (385 1) 4619373, esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr**
**Kontribuis:** Mea Bombardelli, Višnja Branković, Kaja Farszky, Mihovil Gotal, Drago Ivanišević, Latica Ivanišević, Davor Klobučar, Marija Jerković, Nick Kalivoda, Janja Kelava, Kalle Knivillä, Siniša Milašinović, Tomislav Košić, Aneta Moscinska, Josip Pleadin, Kruno Puškar, Zdenka Polašek, Srećko Radulović, Baldur Ragnarsson, Ivan Špoljarec, Spomenka Štimec, Dunja Šverko, Zlatko Tišljar, Turisma asocio de la urbo Zagrebo, Wen Jingen.
**Redaktoris** Spomenka Štimec. **Grafike aranĝis**: Ivan Špoljarec. **Presis:** Urednik d.o.o., Zagreb
**Anonctarifo:** 1/1 paĝo 1000 kn (135 eŭroj), ½ paĝo 500 kn (68 eŭroj), lasta titolpaĝo 2500 kn (328 eŭroj). **Abono** por kvar numeroj jare 60 kn. Por eksterlando 10 eŭrojn. Unuopa numero enlande 15 kn, eksterlande 3 eŭrojn.

# Esperanta studobjekto en Filozofia fakultato en Zagrebo

Filozofia fakultato en Zagrebo ofertas al siaj studentoj eblon elekti amason da tiel nomataj „elekteblaj studobjektoj“. Inter la aliaj troviĝas unu esperanta studobjekto. Temas pri studobjekto **Interlingvistiko kaj strukturo de Esperanto** kiu ekzistas dank’ al ĝia iniciatoro profesoro Velimir Piškorec, la eksterorda profesoro en Sekcio de germanistiko. Okupiĝante pri interlingivistiko kaj studoj de Esperanto, prof. Piškorec komencis similan studobjekton en la katedro pri la germana lingvo kun la titolo **Planlingvoj**. Tiu studobjekto okazas en la germana lingvo por studentoj de germanistiko.

Studentoj elektintaj studobjekton **Interlingvistiko kaj strukturo de Esperanto**, (inter kiuj estis ankaŭ la autoro de tiu ĉi artikolo, havas ŝancon, dum 15 prelegoj, konatiĝi pri interlingivistiko kiel speciala scienca disciplino kiu okupigxas pri planlingvoj. Krome la studentoj povas lerni la bazojn de Esperanto.

En kelkaj unuaj prelegoj profesoro Piškorec prezentas la historan evoluon de la ideo pri la internacia lingvo kiu povus solvi la „malbenon de Babelturo“. Li eksplikis ke tio provokis la ideon de kreo de planlingvoj. Eksemple, la historio notas pli ol 1000 malsamajn planlingvojn, inter kiuj Esperanto staras kiel la plej sukcesa planlingvo kun la plej granda parolanta komunumo.

Iu el la temoj de prelegoj estis la problema de rilato inter identeco kaj lingvo. Unuflanke speciala lingva esprimo reprezentas parton de individua identeco de ĉiu homo, dum aliflanke la lingvo estas grava elemento de la plimulto de sociaj identecoj.



*Filozofia fakultato de Universitato en Zagreb. Fotis Kaja Farszky.*

Aldone la studentoj konatiĝis kun la vivo de Lazaro Ludoviko Zamenhof, speciale kun lia laboro kiu determinis kreon de Esperanto.

Post enkondukaj prelegoj, profesoro komencis instruon de Esperanto per Zagreba metodo. Samtempe, en seminario, studentoj prezentis tekstojn temantaj pri Esperanto, planlingvoj kaj pri la demandoj de lingva regado. Ekzemple, oni prezentis artikolon de kroata esprantisto **Mavro Špicer** ***Internacia lingvo Esperanto kaj ĝia ĝenerala signifo*** kaj prelegon de kroata lingvisto **Tomo Maretić** ***Pensoj pri artefarita monda lingvo***. Oni ankaŭ diskutis pri artikoloj de interlingvistoj **Sabina Fiedler** kaj **David Detlev Blanke** kaj pri libro ***Serĉante la perfektan lingvon*** de glora verkisto **Umberto Eco**. Post ĉiu seminaria prezento, sekvis interesa diskutado inter studentoj.

Per tiu studobjekto Filozofia fakultato en Zagrebo aliĝis al la grupo de 42 fakultatoj en 19 landoj en kiuj studentoj havas ŝancon konatiĝi kun Esperanto. Tiu studobjekto pruviĝis kiel bonega maniero per kiu junaj generacioj de la universitata komunumo povas informiĝi pri kaj lerni Esperanton. La studobjekto estas ankaŭ bona maniero por promocio de Esperanto.

Fine, ni nur povas danki kaj rekomendi profesoron Piškorec kaj deziri al li sukcesan vastiĝon de lia laboro. Ni esperu ke aliaj fakultatoj en Kroatio sekvos la saman vojon.

*Mihovil Gotal*



*D-ro Velimir Piškorec kun siaj studentoj. Fotis Mihovil Gotal.*

## JE VIA SANO, SAMIDEANOJ!

Per tiuj vortoj tostis okdeko da kroataj geesperantistoj, tintigante la glasojn kun speciala "Zamenhoftaga vino". Ili kolektiĝis en Bjelovar, por festi kune la 125-an datrevenon de Esperanto, kaj la plej gravan festotagon de Esperanto-komunumo: la Zamenhofan tagon, la tagon de Esperanta kulturo kaj de Esperanta libro, kiel tion akcentis unu el la festparolantoj. Kun indigno oni rifuzis kvalifikojn de esperantistoj-modernistoj, kiuj opinias ke la festado de Zamenhofa tago estas malmoderna kulto de personeco, dum kiu oni jubilas al sia "sankta Zamenhofo". Por la unua fojo dum kelkaj pasintaj jardekoj, tiel amasa festado de Zamenhofa tago okazis ekster Zagrebo. Iniciatis kaj realigis ĝin Bjelovara Esperantista Societo kunlabore kun du aliaj regionaj societoj: Dokumenta Esperanto-Centro el Đurđevac kaj Esperanto-societo "Estonteco" el Križevci. Aparte gravis la kunlaboro de Kroata Fervojista Esperanto-Asocio el Zagrebo, kies membroj organizite, per trajno, venis al Bjelovar. La evento montris, ke eblas festi ekvilibre, altirante al niaj festoj geesperantistojn mem, sed agante ankaŭ eksteren el nia rondo, altirante la intereson de neesperantistoj.



*Fotis Siniša Milašinović*

Popola biblioteko "Petar Preradović" estis denove institucio en kiu ni trovis subtenon por niaj programoj. Okazis en ĝi eĉ tri malgrandaj ekspozicioj, per kiuj ni klopodis kaj sukcesis veki atenton de neesperantista publiko. La fotoekspozicio "La vivo tra objektivo" de esperantisto **Ivica Šćepanović** el Gornji Humac sur la insulo Brač, okupis la centran lokon en la teretaĝo de la biblioteko. Iom malpli granda estis ekspozicio "Dudek numeroj de la revuo Zagreba Esperantisto", kiu atentigis nin pri la revuo de Unuiĝo de zagrebaj esperantistoj, obstine aperanta ekde 2007, kaj antaŭ kelkaj semajnoj eldoninta sian jubilean 20-an numeron. Sur la unua etaĝo estis starigita la ekspozicio "La mondo estas mirinda ĝardeno", en kiu la bjelovaranoj prezentis ĉirkaŭ 120 gratulkartojn, ricevitajn de esperantistoj el la mondo kiel reagon al propra festado de Zamenhofa tago. Ŝajne malmodernas la kutimo skribi bildkartojn en la komputila epoko, sed ĝuste reveno al bonaj malnovaj tradicioj estis la celo de ĉi tiu iniciato de bjelovaranoj, deziranta montri la tutmondecon de Esperanto.

La ekspozicioj staris en la biblioteko ekde la 7-a ĝis la 17-a de decembro, kaj la 15-an de decembro grupo de kvindeko da esperantistoj vizitis ilin akompane de la biblioteka direktoro **Marinko Iličić** kaj la urbestro de Bjelovar **Antun Korušec**, kiuj entuziasme salutis la vizitantojn kaj konigis al ili la institucion kiu gastigis la ekspoziciojn. En la urba parko la grupo faris komunan foton, kaj ĉiuj kune iris al la salono de Ĉeĥa komunumo, kie okazis kultura programo por okdeko da kolektiĝintaj samideanoj.

El la riĉa programo ni menciu la salutparoladon de **Franjo Forjan**, kaj la tre speciale (kun drumsonoj) recititan Zamenhofan poemon "Al la fratoj". La recitadon prezentis lernantoj de profesoro **Marko Dragičević** el Buroteknika kaj ekonomika lernejo de Bjelovar. **Zdravko Seleš** recitis la poemon de bjelovara poeto-esperantisto **Željko Sabol** "Manringo de mia morta patrino", kaj honore al "La jaro de Tibor Sekej", ankaŭ la poemon "La sango min pelas", verŝajne la lastan poemon de konata esploristo kaj mondvojaĝanto. Prezentita estis ankaŭ la plej nova libro de **Zdravko Seleš** titolita "Sonĝoj kaj ombroj", kiun li verkis en tri lingvoj (la norma kroata, la kajkava dialekto kaj Esperanto). Muzikis por la gastoj la juna bjelovara violontalentulino **Vanda Dabac** (ŝi prezentis la muzikon de Bach) kaj kune kun kantistino **Marica Hasan** el Đurđevac prezentis en Esperanto la kanton "La Paloma". Feste parolis **Josip Pleadin** pri la graveco kaj signifo de Zamenhofa tago, kaj **Radenko Milošević** pri la festanta revuo "Zagreba Esperantisto". La centra parto de la programo estis projekciado de la filmo "The Universal Language" de usona reĝisoro **Sam Green**. Fine de la programo **Radenko Milošević** konigis al la ĉeestantoj, ke Unuiĝo de zagrebaj esprantistoj donacis al Dokumenta Esperanto-Centro la sumon de preskaŭ 1000 eŭroj por aĉeto de moderna kopia kaj skan-aparato pro la bezonoj de modernigo de DEC. Publike estis subskribita koncerna donackontrakto.

Kiel jam plurfoje ĝis nun, ankaŭ ĉi tiun programon sponsoris malavare la urbestro de Bjelovar **Antun Korušec**, la departementa funkciulino **Dominka Pretula** kaj aro da sponsoroj. Por ĉiuj gastoj estis organizita antaŭtagmeza lunĉo kaj kafo, kaj posta abunda tagmanĝo, post kiu sekvis danco akompane de muziko de la ensemblo de Ĉeĥa komunumo. La loka gazeto "Bjelovarac" anoncis la aranĝon en sia numero de la 13-a de decembro, kaj ankaŭ skipo de televidaj filmistoj filmis ĝin. Por dokumentaj celoj estis engaĝita profesia fotisto kaj filmisto **Jozo Lovrić**. Ĉiuj gastoj kunprotis hejmen ankaŭ la libron "Božji robovi", kiun al ili donacis la osijeka veterana esperantisto **Aleksandar Kocian**. Oni ricevis ankaŭ specialan Esperantan kantareton, katalogon de foto-ekspozicio de **Ivica Šćepanović**, kelkajn numerojn de "Zagreba Esperantisto" kaj bldkartojn de Bjelovar, kion al ili donacis la organizantoj kaj iliaj sponsoroj.

*Zdenka Polašek*

# Zamenhof-Tago en Varaždin

Okaze de Zamenhof-tago en **Varaždin** en 2012, **Janja Kelava**, sekretariino **de Esperanto-Societo Božidar Vančik** en **Varaždin** organizis la 14an de decembro 2012 en **Urba biblioteko kaj legejo Metel Ožegović, Fako pri la internacia literaturo**, en str. A. Cesarca 10, **Ekspozicion pri Tibort Sekelj.** Prelegis pri **Tibor Sekelj Spomenka Štimec.** Membroj preparis koktelon **.** La ekspozicion en kazo de intereso eventuale eblus prunti por alia urbo/ klubo**.** Ĉeestis 19 personoj**.**



*Fotis Tomislav Košić*

# Zamenhof-Tago en Zagrebo

## KROATIA ESPERANTO-LIGO OMAĜIS TIBOR SEKELJ EN ZAGREBO

La 19-an de decembro 2012 la zagrebaj esperantistoj komune festis Zamenhoftagon kun la Zagreba Etnografia Muzeo, en ties ejoj (Mažuranićev trg 14). La muzeo tiutage malfermis ekspozicion pri kulturoj de indiĝenoj en foraj landoj, kies ĉefa parto estis objektoj donacitaj de Tibor Sekelj kaj tiel omaĝis lian 100-jariĝon. Dum la vespero oni prezentis novan libron dediĉitan al Tibor Sekelj (trilingvan – en la kroata, angla kaj Esperanto) je 40 paĝoj sub la titolo: **Tibor Sekelj – drugi ljudi i krajevi (Tibor Sekelj – aliaj homoj kaj regionoj)**. Aŭtoroj en la libro estas la nuna direktoro de la Muzeo **Damodar Frlan** kaj **Želimir Koščević**, **Spomenka Štimec**, **Zlatko Tišljar**. La centran studon pri etnografiaj laboroj de **Tibor Sekelj** kaj aliaj esploristoj de aliaj kontinentoj verkis **d-rino Aleksandra Sanja Lazarević**.



*Fotis Ivan Špoljarec*

Dum la solenaĵo parolis la direktoro de la muzeo, prezidantino de Kroatia E-Ligo **Judita Rey Hudeček** kaj **Spomenka Štimec** kiu prezentis prelegon kun la fotaro el la arkivo de **Erzsebet Sekelj**.

Ĉeestis sesdeko da homoj kiuj ankaŭ rigardis la eksponaĵojn de la ekspozicio en granda salono kun dudeko da grandaj vitraj ŝrankoj. Indas vere viziti la ekspozicion kaj kaj admiri interesegajn objektojn: maskojn, instrumentojn, kapkovrilojn, armilojn, ilarojn kaj objektojn por la ĉiutagaj bezonoj.

*Zlatko Tišljar*






# Baldur Ragnarsson - kandidato por Nobelpremio pri literaturo

**Baldur Ragnarsson**, islandano, estas kandidato por **Nobelpremio pri literaturo.** Kandidatigis lin Akademio Literatura de Esperanto. Li naskiĝis en 1930. Profesie li postenis kiel gimnazia instruisto por la islanda kaj la angla lingvoj, ministeria oficisto, lerneja ĉefinspektoro.

La poeto **Ragnarsson** prezentis sin en Esperanto la unuan fojon per la poemaro **Ŝtupoj sen nomo,** eldonita de **Stafeto** en 1959. Sekvis per la sama eldonejo **Esploroj** en 1973. Liaj eseoj aperis per **Iltis** en **La poezia arto** en 1988. Li multe tradukis, ĉefe el la islanda**.** Lia grandaj tradukoj estas la traduko de la islanda sagao **Sagao de Njal** kaj poste **Edda de Snorri Sturlusson** – la libro pri la antikva mitologio de nordiaj popoloj, eldonita de **Mondial** en **Nov-Jorko**.

Pri liaj lastatempaj poemaroj li mem informas en la noto okaze de lia permeso por ke **Tempo** prezentu al vi lian poemon **Miaj ĉinaj genepoj**.




*Baldur Ragnarsson kaj Nick Kalivoda. Fotis Aneta Moscinska*

### Miaj ĉindevenaj nepoj

Sur la herbejo ili kuras, kuras,
mi sekvas ilin lante, kun bastono,
sunbrilo, floroj, la ĉiel´ lazuras
mildas venteto, kadra bild´ sekuras.

Mi sekvas lantapaŝe, dum momento
mi sentas etan timon, jen ŝi falis,
la knabo plue kuras, sen atento,
ekstaras ŝi kaj sekvas sen evento.

Atingis ili supron herbkovritan
kaj mi, minuton poste, iom lace,
eksidas apud ili, kaj subitan
ekpenson havas kvazaŭ iel mitan.

Memor´ aperas el la tempa maro,
knabo kuranta tra falĉita herbo,
vizitas min flirteme dolĉa flaro
de fojno sekiĝanta, sen deklaro.

Kuniĝas la genepa rid´ jubila
kun mia rido antaŭ sepdek jaroj,
kia feliĉo sub la suno brila
resenti sin denove junsimila.

Baldur Ragnarsson

Noto de la aŭtoro por "Tempo":

*Ĝojigas min ke vi aperigos mian poemon "Miaj ĉindevenaj nepoj" en Tempo. Ĝi estis verkita en 2007, la knabo tiam havis 5 jarojn, la knabino 3 jarojn, mi 77 jarojn. Ili estas adoptitaj en siaj duaj jaroj de mia filino Lára kaj ŝia edzo Atli kaj tial kompreneble ne scias la ĉinan lingvon. La poemo aperis en "La neceso akceptebla" eldonita de Mondial en 2008. En 2010 aperis mia poemaro "La fontoj nevideblaj" kaj nun ĵus aperis "laŭ neplanitaj padoj", mia tria poemaro eldonita de Mondial. Tre eble mia lasta.*

# Islando

**LA TUTMONDA ISLANDA KUNVENO – KONVENA**




Por la **Universala Kongreso en Rejkjaviko** en la modernega kongresejo **Harpo** jam aliĝis kongresanoj el pli ol 40 landoj, inter ili 10 kroataj esperantistoj. La kongresa lando estas ekstreme kosta tial **Orbis Pictus de Višnja Branković** rapidis loĝigi en la kongresurbo la unuajn aliĝintojn el Italio, Slovenio, Kroatio, Nederlando…

Petu detalojn pri la restado kaj ekflugo el Kroatio, samkiel pri diversaj ekskurseblecoj per **orbispictus@iol.it**. La kongresa lando kun vere eksterordinara naturo atendas vin!

*Višnja Branković*

# Esperanto-instruado en Kroatio en 2012

La plej bona informo en 2012 estas ke **D-ro Velimir Piškorec** ekde oktobro 2012 denove lekcias Esperanton en **Filozofia fakultato** en Zagrebo kadre de la germanlingva kolegio **Planlingvoj.** La plej gravan laboron efektivigis **Kruno Puškar,** per sia tria somera instruado en la urba bibliteko de **Križevci.**

Malbona informo estas ke post multaj jaroj **Marija Jerković** en aŭtuno 2012 ne plu gvidas Esperanto-kursojn en **Elementa lernejo Mladost** pro pensiiĝo**.**

Ni instruis jene:

**En Zagrebo:**

1. Filozofia fakultato; dr Velimir Piškorec, 3 horojn semajne
2. Kroata Esperanto-Ligo; prof. Spomenka Štimec, du horojn semajne (ĝis majo)
3. Mjesna zajednica Utrine; prof. Marija Jerković
4. Elementa lernejo Retkovec; prof. Judita Rey Hudeček
5. Elementa lernejo Mladost; prof. Marija Jerković (ĝis junio 2012)
6. KFEA (Kroata fervojista Esperanto-Asocio): Kurso por komencantoj (ekde novembro). Instruas Roža Brletić-Višnjić.

**En Sisak:**

Josip Pleadin; – vintra ekspreskurso en Copy Print salono Julija de la 9a -15a de januaro

**En Križevci:**

Urba biblioteko Franjo Marković Križevci; prof. Kruno Puškar – somera lernejo en julio

**En Rijeka:**

Esperanto Societo; Vjekoslav Morankić kaj Nataša Batistić

**En Šibenik:**

Gimnazio; Prof. Vinka Klarić (kelkaj lecionoj ĝis 2012)

*Marija Jerković / Spomenka Štimec*

# Tibor Sekelj
## en Ĉinio en 2013



La jaro de Tibor Sekelj finiĝis per decembro 2012. Sed ĉinaj esperantistoj plu agadas por eldono de plia verko de Tibor Sekelj. Ili rememoris ke en la jaro 2013 estos la kvaronjarcenta datreveno de la forpaso de Tibor Sekelj. Ili decidis prepari foto-monografion pri la vivo de Tibor Sekelj. Oni planas sufiĉe ampleksan verkon kiu enhavu – 500 fotojn pri Tibor Sekelj.

Ni estas petataj kontribui al tiu monografio per la fotoj pri Tibor Sekelj. La materialojn por la ĉina verko de Tibor Sekelj kolektas ĉina esperantistino Yu Jinchao, laboranta che Ĉina Radio Internacia. Estas interese scii kiel naskiĝis tiu ideo. Yu Jinchao preparis por la 17a de oktobro 2012 la prelegon pri sep libroj de Tibor Sekelj. Ŝi titolis la prelegon „Vojaĝo senfina – Vojaĝanto senlima“. La prelego sukcesis. Aliris ŝin eldonisto kiu proponis eldoni la libron por ilustri la diversajn vojaĝojn de Tibor Sekelj tra la mondo…

*Z. Tišljar*

# Vodnikova 9
## nia estonta ejo

| | | |
|---|---|---|
| 657. Emilija Obradović | 9, 25 | eŭroj |
| 658. Anonima | 94,65 | eŭroj |
| 659. Damir Mikuličić | 9,25 | eŭroj |
| 660. Spomenka Štimec | 6,61 | eŭroj |
| 661. Anto Mlinar | 33,03 | eŭroj |

**En decembro 2012 KEL kolektis inter siaj membroj 152,79 eŭrojn.**

**Ekde la jaro 2003 KEL kolektis inter siaj membroj 27.675,38 eŭrojn.**

**Nia granda kredito de 50.500 eŭroj reduktiĝis al 9.779,53 eŭroj.**

**Aliaj kaj la lastaj kreditoj:**

Kredito al Esperanto-Societo „Trixini“: 17.321,04 eŭroj.

Kredito al Esperanto-Societo Rijeka: 2.464,15 eŭroj.

**Memorigo:**

Kiam ni aĉetis nian ejon en Vodnikova 9 en 2003 , ni pagis por ĝi 108.000 eŭrojn. Ni devis pagi aldone imposton de 5.000 eŭroj. Sume ni pagis 113.000 eŭrojn.

**Ĉu ni translokiĝos al Vodnikova 9 en 2014?** Nun ni ankoraŭ povas uzi la ejon en Knez Mislav 11. Kiom longe? KEL povus uzi parton de niaj ejoj en Vodnikova dum en la alia parto estu loĝata por ke oni povu pagi krediton.

# Adriatika Feriado

**Dokumenta Esperanto-Centro** el Đurđevac preparas sur la insulo **Prvić apud Šibenik** en Dalmatio **Adriatikan Feriadon** en somero 2013.

Por detaloj bonvolu turni vin al **DEC** per la adreso dec.kroatio@gmail.com.

# Forgesita E-historio (el Osijek, sed ne nur nur...)

En la aŭtuno 2009 publikiĝis mia libro „Pet latica iz Osijeka“ (kroate) pri la unuaj 5 esperantistoj el Kroatio, aperintaj en 1889 en mia urbo Osijek. Rezulte de tio unu strateto en Osijek ricevis la nomon „Esperantska ulica“. Mi sukcese esploris la vivon kaj trovis la tombon de la unua konata kroata esperantist(in)o Marija Pilepić (1871-1962). La tombon en la urbo Opatija prenis en sian zorgon Esperanto societo Rijeka. La societo aldonis tie dulingvan tabulon (kroate kaj esperante) pri la fakto, ke ŝi estis la unua kroata esperantisto.

Miaj „historiistaj“ sukcesoj instigis min esplori la reston de la esperanta movado en Osijek. Kaj, se foje estis bona okazo, ankaŭ la ĝeneralan esperantan historion de Kroatio. Tiel mi trovis multajn fotojn, dokumentojn, atestantojn ktp. Bedaŭrinde, mankis okazo por publikigi tion. Tial mi uzas ĉi artikolon, kvankam la teksto estos iom neordigita kaj nekohera, sed gravas meti jam finfine ĉion sur paperon! Kompreneble, ĉion ĉi (kaj multon plian) mi tenas en mia komputilo, kaj mi zorgos pri tio, ke la materialoj neniam perdiĝu.

Mi ne prezentos ĉi tie esplorojn de la moderna esperanta movado en Osijek, sed sciu, ke mi havis iom da fotoj kaj dokumentoj ankaŭ pri Ivan Flanjak, Nikola Knežević, Franjo Smerdel, Antun Šebetić, Juraj Medved ktp.

Grave estas scii, ke multajn fotojn kaj dokumentojn rilatajn al ĉi tiu artikolo vi povas vidi en la interretaj paĝoj de Kroata Esperanto-Ligo (www.esperanto.hr). Ili estas en pluraj partoj de tiu paĝaro, sed ĉefe sub „Galerio de kroata esperanta historio“ kaj „Galerio de osijeka esperanta historio“.



**Marija Pilepić.** Tuj post apero de la libro, sed tamen tro malfrue, mi ricevis de ŝiaj familianoj novan foton de Marija (el 1929, okaze de geedziĝa festo de ŝia frato en Sarajevo). Trovebla ĉe mi kaj en DEC. Ŝia nevo Juraj sendis al mi leteron kun pluraj fotoj ankaŭ de Eduard Pilepić kaj kun siaj propraj rememoroj pri la onklino Marija, sed temas pri relative negravaj ĉiutagaĵoj.

**Egon Mosche.** La „sesa homo“ el mia urbo, Egon Mosche, aperis en iu posta Zamenhofa adresaro, ĉ. 1895. Ankaŭ lian vivon mi esploris kaj li montriĝis sloveno, la unua slovena esperantisto! Sed unu gravan informon mi trovis nur post apero de la libro: Egon Mosche mortis en Rosario (Argentino) en 1905. En la aŭtuno 2012 publikiĝis mia artikolo pri Egon en la slovena esperanta bulteno „Informacije“.



**Josip Anschau.** Publika E-movado en Osijek komenciĝis ĉ. 1909 kaj oni sciis nur, ke la instruisto Josip Anschau gvidis esperantan kurson kaj uzis la klubon de kroataj verkistoj en Osijek por iom propagandi Esperanton. Mi aldone malkovris la unuan lian foton, lian pranepon en Osijek, liajn vivojarojn (1860-1939), lian nekrologon en „Hrvatski list“ kaj la fakton, ke lia bofilo estis Rudolf Franjo Magjer gvidis tiun verkistan klubon.

**M.D. Kaničar.** „Zemuna esperantisto“ n-ro 29 raportis pri 4 personoj el Kroatio, ke ili aliĝis al la Universala Kongreso en Parizo en 1914. Konate estas, ke la kongreso ne okazis pro la ĵus eksplodinta mondmilito. Sed la informo montras novan esperantan nomon el Osijek „la instruisto M.D. Kaničar“, la solan konatan (en tiu tempo) krom Anschau. En interreto mi trovis nur, ke en Staro Petrovo Selo laboris en 1894 la instruistoj „Dragutin“ kaj „Draginja Kaničar“.

**„Klub esperanta“ el 1923.** Antun Šimunić skribis en siaj verkoj „Obstine antaŭen“ kaj poste „Novaj perspektivoj“ , ke en iu loka gazeto nur preterpase menciiĝis „Klub esperanta“ en Osijek, komence de 1920-aj jaroj, sed ke „pri laboro de tiu Klubo de Esperanto oni malmulton scias“. Mi komentis en „Pet latica iz Osijeka“, ke oni scias *nenion*. Sed en la gazeto „Hrvatski list“ de la 11-a de aprilo 1923 oni povas legi „*Kulturne vijesti. Esperantski klub u Osijeku. 11.ov.mj. održan je sastanak prijatelja esperanta u hotelu Görög, te je na istom konstituisan klub sa ovim odborom: predsjednik ing. A. Spiller, potpredsjednik Dr. S. Muačević, tajnik M. Klem, blagajnik Josip Kraljić, i odbornici: ing. Ivo Zoričić, Milan Fišter i E. Fleischer. Predavanja će se održavati svake nedjelje od 9 i pol do 11 sati u prostorijama „Merkura“, Županijska 3. Pozivaju se svi prijatelji esperanta, koji nisu sudjelovali prvom sastanku, a žele naučiti esperanto, da dodju u nedjelju 15. ov. mj. U 9 i pol sati u prostorije Merkura.*



Kulturne vijesti.

**Esperantski klub u Osijeku.** 11. ov. mj. održan je sastanak prijatelja esperanta u hotelu Görög, te je na istom konstituisan klub sa ovim odborom: predsjednik ing. A. Spiller potpredsjednik Dr. S. Muačević, tajnik M. Klem, blagajnik Josip Kraljić i odbornici: ing. Ivo Zoričić, Milan Fišter i E. Fleischer. Predavanja će se održavati svake nedjelje od 9 i pol do 11 sati u prostorijama »Merkura«, Županijska 3. Pozivaju se svi prijatelji esperanta, koji nisu sudjelovali prvom sastanku, a žele naučiti esperanto, da dodju u nedjelju 15. ov. mj. u 9 i pol sati u prostorije Merkura.

Interese estas, ke tiun ĉi artikolon fakte trovis jam en 1980-aj jaroj la osijekano Aleksandar Kocian, helpanto de Šimunić, sed evidente tro malfrue, kaj la malkovro ne eniris en la broŝuron „Novaj Perspektivoj“. Mi fakte nur *retrovis* la saman artikolon laŭ certaj indikoj kiujn Kocian konservis. Same kiel en la kazo de mia libro kaj Marija Pilepić: ĉiu libro ĉiam aperas iomete tro frue!

Sed mi esploris plu. Organo de jugoslaviaj esperantistoj „Konkordo“ n-ro 4 (aprilo 1923) informas nin pri preparlaboroj por fondo de tiu ĉi societo.

*„Osijek. Sro. inĝeniero Artur Spiller, delegito de UEA invitis zagreban esperantan societon ke ĝi sendu al Osijek unu propagandiston, kiu laŭ la aranĝo de la osijeka societo por disvastigo de l' arto prizorgos publikigon de tiu parolado. La societo komisiis komitatanon dron. Maruzzi ke li ĉi tie parolu pri problemo de internacia lingvo. Dro. Maruzzi estis atendita de dro. Spiller en la stacidomo kaj li havis okazon ekkonatiĝi kun du niaj samideanoj, sro Stalzer kaj Klem. Parolado okazis en nacia teatro je la 11-a antaŭtagmeze kaj ĝin ĉeestis multe da distinga publiko. Ĝi kun granda intereso kaj atente aŭskultis argumentojn de la parolanto. Poste fondiĝis esperanta grupo kiu komencis tuj labori kaj malfermis novan kurson, kiun partoprenis multaj personoj. Se niaj fervoraj samideanoj ne estos ial malhelpitaj en sia laboro, Osijek povus [en]mallonga tempo fariĝi unu el la plej gravaj lokoj por nia movado.*

Post 1923 mi ne trovas ajnan informon pri la sekretario Milan Klem, sed mi poste eksciis, ke li, ŝtata (poŝta) oficisto, estis translokigita al Serbio. Same Artur Spiller, la unua kluba prezidanto post 1923 verŝajne ne plu vivas en Osijek, sed en Zagreb (kaj li mortis en 1930). La klubo post 1923 tute ne menciiĝas en iu ajn gazeto, eĉ ne en „Konkordo“. Mi estas konvinkita, ke tiu klubo, malgraŭ gloraj nomoj kaj titoloj de la fondintoj, ne estis forta kaj aktiva. Eble la sola vera aktivulo estis Milan Klem, sed li forestis.

Jen kiel post bona komenco, multaj fanfaroj kaj bondeziroj, eĉ malgraŭ la laŭdire granda publika intereso, la tuta agado ŝrumpis. La publika intereso estas ĝenerale nekonstanta afero, kaj ofte perdo de 1-2 aktivuloj povas fuŝi la tutan aferon.

Demando restas, kial en relative granda urbo Osijek aperis esperanta societo nur en 1923, se en multaj malpli grandaj urboj la societoj aperis pli frue. Maruzzi tiutempe agi spor fondado de Jugoslavia esperanta ligo, kaj eble lia alveno al Osijek havis certan rolon en tiu ĝenerala jugoslavia agado. Evidentas, ke Maruzzi kaj Spiller bone konis unu la alian, ĉar en 1923 unu el la kunfondintoj de Radio-klubo Zagreb estis Spiller, kaj Maruzzi estis tiam ĝia sekretario.

Ne mirinde, ke en 1926 fondiĝis en Osijek nova klubo „Obstine antaŭen“, kies estraro konsistis el tute aliaj homoj ol tiu estraro el 1923. Sed ia ligo tamen estas (vidu ĉe: Milan Klem).

**Artur Spiller.** Tiu homo estas tute forgesita kaj nekonata al hodiaŭaj esperantistoj. Kaj li estis sufiĉe grava. Mi unuafoje vidis lian nomon en la artikolo en „Hrvatski list“ (1923), ĉar li iĝis la unua prezidanto de la unua esperanta klubo en Osijek. Poste mi trovis multajn informojn, nur lian foton, malgraŭ grandega klopodo, mi ne povis trovi.

Artur Spiller naskiĝis 28 aŭg 1882 en juda familio en Slavonski Brod (la gepatroj Spiller Filip, komercisto kaj Minka nask. Kohn). Artur havis 2 fratinojn Ella kaj Ružica, pri kies sortoj mi trovis tro malmultajn informojn. De 1893 ĝis 1901 li frekventis 8 klasojn de reala gimnazio en Osijek (la ŝtata arkivo havas ĉiujn nomlibrojn). El jarraportoj de osijekaj bazlernejoj videblas, ke la familio estis en Osijek ankaŭ (kaj almenaŭ) en 1884 kaj 1885.

Mi trovis lian ŝtatanec-atestilon („domovnica“) el 1897, kiu estis farita en Osijek.

Mi supozas, ke Spiller poste studis arkitekturon aŭ ion similan, verŝajne en Budapeŝto.

En Nacia kaj Universitata Biblioteko en Zagreb mi trovis lian leteron el 2 jun 1906 al la verkisto Josip Eugen Tomić, en kiu Spiller petas lian permeson traduki al la hungara lingvo lian rakonton „Paka ljubav“ kaj publikigi ĝin en „Budapesti hirlap“. Spiller prezentis sin „inĝeniera praktikanto“ (kr. inžinirski vježbenik) kaj la loko estis Sušak (hodiaŭ parto de Rijeka). El tiu letero mi havas kopion kun lia subskribo.

En 1907 denove aperas lia nomo en „Vijesti društva inžinira i arhitekata“. Li kaj Fran Funtak estis kun-aŭtoroj de iu faka artikolo pri konstruado de iu ponto sur Bjelovacka apud Bjelovar.

En 1909 en la gazeto “Hrvatske pravice” (39, 40/1909) aperas felietono “Svjetski medjunarodni jezik esperanto” de la aŭtoro “Ing. A. Spiller”. La gazeto estas en la nacia biblioteko, la artikolo ĉe mi, en DEC kaj en retaj paĝoj de KEL. En tiu artikolo oni povas rekoni jam maturan esperantiston, kiu uzas la tradiciajn argumentojn, konas la laboron de Schleyer, Zamenhof kaj Leibniz ktp. En la sama gazeto (43/1909) oni legas, ke Spiller estas translokigita ofice de Varaždin al Gospić. Mi citu nur unu frazon el la felietono:

*„Esperanto je čedo dugogodišnjeg promatranja i proučavanja raznih idioma, djelo varšavskog liječnika Dra Ljudevita Zamenhofa, koji je upravo čarobnom spretnošću na jednostavan način riješio sve zapreke, koje sam gore ocrtao, te koji je svojim Esperantom dao svijetu davno željeno riješenje međunarodnog jezika…“*

En 1918, kelkajn tagoj antaŭ la fino de la unua mondmilito, la gazeto „Volja naroda“ (24/1918) informas, ke en Varaždin en la urba lego-salono „Dvorana“ estis elektita la komitato, kiu donos novan spiriton, nacian kaj demokratian, al la tiama burokratamilitisma aŭstrieca „Dvorana“. Ĝi poste servos al progreso de la socia vivo en Varaždin. En la komitato estis deko da elstaraj personoj, inter kiuj ankaŭ Artur Spiller.

En 1921 „La Provo“ (4/15 dec 1921) listigas delegitojn de UEA en la Reĝlando de Serboj, Kroatoj kaj Slovenoj. Estas tie por la urbo Osijek Artur Spiller, inĝeniero, la adreso: Kolodvorska ulica 52.

En 1923 (13 apr) la osijeka „Hrvatski list“ raportas pri fondo de esperanta klubo en Osijek kun la prezidanto Artur Spiller.




En 1924 aperas en Zagreb lia libro “RADIO TELEFON Lako razumljiva uputa u bit telefona bez žica. Sa 31 slikom. Priredio Ing. Artur Spilller. Zagreb 1924. Izdao pisac.”

Do, populara teknika libro por vasta publiko pri (tiam furora) radio-telefono, en la propra eldono de la aŭtoro Artur Spiller. En iu numero de „Konkordo“ (ie inter 1924 kaj 1926) oni mencias la librojn, kiujn eblas aĉeti ĉe Sudslava Esperanto-Servo de Maruzzi, kaj tie estis rekomendata ankaŭ unu kroatlingva libro, „Radio Telefon de nia esperantisto Artur Spiller“.

En 1927 „Konkordo” (11-12/1927) informas, ke dank’ al agado de „niaj malnovaj samideanoj Artur Špiller kaj Viktor Schiesl“ en Donji Miholjac komenciĝis esperanta kurso kaj post ĝia fino fondiĝis esperanta societo, kies prezidanto estis Schiesl. Spiller ne estas listigita en la membraro. Mi trovis foton de Schiesl pere de lia parenco. Amuze, tiu parenco vivas en Osijek en Esperanta strato!

Osijeka urba estraro havis listojn de soldatserve kapablaj viroj naskitaj en 1882 kaj tie mi trovis ankaŭ Spiller-on. Estis tie la rimarko, ke li translokiĝis al Zagreb, adreso Savska 11-A, sed mankis la dato. Do, la osijeka kaj la zagreba Artur Spiller estis la sama persono.

En 1930 la zagreba taga gazeto „Jutarnji list“ (21 dec 1930) enhavas la artikolon „Samoubojstvo zagrebačkog inžinjera u Budinšćini”, en kiu mi legis, ke la inĝeniero N. Spiller (ĵurnalista eraro pri la persona nomo!) mortigis sin tranĉinte sian kolon. Tio okazis en Budinšćina en la regiono Hrvatsko zagorje, en la hotelo kie li tranoktadis, dum li laboris ĉe konstruo de fervojo. La kialo: iuj laboristoj trompis lin pri granda monsumo (kiu fakte apartenis al la fervojo) kaj li ne povis ĝin rekompenci. En sekvaj numeroj mi trovis pli da informoj: lia edzino estis Malvina Spiller, li estis „rajtigita inĝeniero kaj profesoro de meza teknika lernejo en Zagreb“ kaj ke lin oni entombigis en la zagreba tombejo Mirogoj. Tion mi malkovris „foliumante“ la filmitan gazeton „Jutarnji list“ en Nacia kaj Univesitata Biblioteko.

Mi, estante mem nuntempa prezidanto de la sola osijeka esperanta klubo, legis kun granda miro pri la fino de mia „kolego“, granda idealisto kaj socie aktiva persono.

Lian tombon mi trovis en 2010, legis tie la nomojn de aliaj familianoj. Interese: iuj familianoj estis judaj kaj iuj kristanaj. Kaj sur la tomboŝtono „pace kunvivas“ simboloj de ambaŭ religioj! Per tio mi poste trovis la solan vivantan parencinon. Ŝi informis min, ke la geedzoj Spiller ne havis infanojn kaj ke ŝi ne havas foton de Artur. Bedaŭrinde, ĉiuj miaj postaj klopodoj trovi lian foton malsukcesis.

**Milan Klem** (26 mar 1903 – 30 sep 1965) estis poŝtoficisto, unue laboranta en Osijek, sed poste (pro liaj komunistaj opinioj) translokigita pri labori en Serbio (Vršac, Obrenovac) kaj fine denove al Osijek. Dum la dua mondmilito (en Sendependa Ŝtato Kroatio) laboris en Valpovo. Interese estas, ke eĉ tiam li korespondis kun esperantistoj el la tuta mondo, uzante ofte pseŭdonomon Melk (inverse de Klem). Tamen li fariĝis suspektata de la ŝtato, ja temas pri nekonata lingvo kaj pri la sekreta nomo! Estis freneza la epoko, kaj lin oni arestis kaj metis en malliberejon en Valpovo. La familio rakontadis, ke por lia liberigo en 1945 (?) tre meritaj estis „iu partizano Janjić“ kaj eble iu s-ro Kraus. (Ĉu la konataj esperantistoj?) Post la milito li laboris kiel librotenisto en Osijek (la gazeto „Glas Slavonije“, akvoproviza firmao ktp.) Ĝis la vivofino li okupiĝis pri Esperanto kaj estis tre laborema ankaŭ ĝenerale. La informojn kaj la foton mi ricevis en 2009 de lia sola infano, la filino Božena Katušić el Osijek.



„La Provo“, gazeto de jugoslaviaj esperantistoj (redaktata de Maruzzi) en februaro 1922 havas jenan informon: *„Osijek: La lokaj poŝtoficistoj diligente lernas Esperanton kaj kelkaj jam ĝin uzas. Laŭ la informoj de Sro. Milan Klem, la samideanoj poŝtoficistoj aliĝis al U.E.A kaj oni proponas lin kiel estontan delegiton de U.E.A. por Osijek“*

Kaj en la sama numero aperas la frazo: *„Ni bone scias ke ankaŭ en Osijek estas multaj neorganizitaj soluloj samideanoj, same kiel en Sarajevo, Krapina, Dubrovnik, Vinkovci kaj multaj aliaj gravaj urboj.“*

„La Provo“ rapide ĉesis ekzisti kaj ĝian taskon transprenis „Konkordo“. Ties numero 3 el 1922 donas liston de membroj de la organiza komitato, kiu devis fondi jugoslavian esperantan ligon. Menciita estas ankaŭ Milan Klem. „Konkordo“ 8/1922 informas jene: *„Osijek – Kurso estas preparata por starigo de Sroj Milan Klem kaj Oberritter“.*

Milan Klem estas en la listo de partoprenontoj de la 1a kongreso de jugoslaviaj esperantistoj en Zagreb 1923, sed aliaj osijekanoj tie ne troveblas.

En TTT-paĝoj de KEL vi povas vidi foton de la esperanta poŝtkarto, kiun Milan Klem („poŝtoficisto") sendis el Osijek (24an de aŭgusto 1922) al Društvo hrvatskih esperantista (Zagreb) por mendi iun esperantan libron. La originala poŝtkarto estas en la kolekto DEC en Đurđevac. Jen la originala esperanta teksto: *„Por propagando de Esperanto, mi petas, sendu 20 (dudek) ekzemplerojn de libreto Špicer: Medjunarodni jezik Esperanto i njegovo značenje! Pagoŝarĝe aŭ sendu menditaĵon kun ĉeko, por ke mi sendu la monon kun ĝi. La nunan sendaĵon danke mi ricevis. Kun samideana saluto altestime Via sincera Milan Klem."*

Post ĉio ĉi, ne plu troveblas la nomo de Milan Klem en la fontoj por mi atingeblaj. Certe pro tio, ke li ne plu vivis en Osijek. Sed en 1963 okazis ia diskuto („ronda tablo"?) inter Lavoslav Kraus, Franjo Smerdel kaj aliaj membroj de la esperanta societo „Liberiga Stelo" en Osijek, kaj tiu diskuto estas sur papero, kiu saviĝis en la klubo. Tie mi povis legi, ke en 1963 la societo planis esperantan kurson en iu lernejo kaj la kursgvidanto devis esti Milan Klem.

Saviĝis ankaŭ papero kun funebra parolado por Milan Klem, kiun en 1965 tralegis (kaj verŝajne ankaŭ skribis) alia osijeka esperanta aktivulo Franjo Smerdel. Kelkaj frazoj el tiu parolado havas certan historian signifon. Li diris, ke Klem instrius Esperanton al Stjepan Predrievac (kunfondinto kaj la unua sekretario de la ĉefa osijeka e-societo „Obstine antaŭen" inter 1926-1941), kaj al Lavoslav Kraus (posta prezidanto de tiu sama klubo kaj post 1945 de Jugoslavia esperanta ligo).

Mi opinias, ke Milan Klem, kvankam hodiaŭ forgesita (kaj eĉ ne menciita en Leksikono de kroatiaj esperantistoj), estas la plej grava persono en esperanta historio en Osijek. Marija Pilepić el 1889 estis nur solulo sen ajna konata influo, Josip Anschau estis la unua kiu publike elpaŝis kun nia verda lingvo en Osijek, sed la unua persono havanta vere gravan influon estis ĝuste Klem.

**Obstine Antaŭen.** La sola grava kaj aktiva esperanta societo en Osijek inter la du mondmilitoj estis „Obstine Antaŭen". Osijeka taga gazeto „Hrvatski list" (30 mar 1927) informas, ke antaŭhieraŭ la nove fondita klubo „Obstine antaŭen" havis la fondkunvenon, kie elektiĝis la prezidanto Dragutin Wranka, la vicprezidanto Dragutin Kozmar, la sekretarioj (du!) Stjepan Predrijevac kaj Zora Pul, la bibliotekistino Ivana Kampuš ktp. En la sekvaj 10 jaroj aperis dekoj da informoj kaj artikoloj en „Hrvatski list", kiel rezulto de agado de „Obstine Antaŭen". Mi ŝatus emfazi la artikolon pri vizito de Kola Ajayi, nigra afrika esperantisto (11 jun 1933) kaj tiun pri komuna ekskurso de osijekaj esperantistoj al iu sabla insulo en Drava, kun banado, kantado kaj bongustaj manĝoj (29 jul 1934).

**Stjepan Predrijevac** Li estis la unua sekretario de la osijeka klubo „Obstine Antaŭen".



La revuo „Esperanto" en 1926 listigas delegitojn de UEA, kaj tie estis ankaŭ „Osijek, Sudslavio, Slavonija. D. Sro. Stjepan Predrievac, teatra frizisto, Ružina ulica 137".

„Konkordo" (februaro/marto 1927) informas pri Osijek. *„Post la du sukcesaj kursoj, ambaŭ gviditaj de Sro S. Predrievac, Del. UEA., fondiĝis klubo 'Obstine antaŭen'..."*.

En 1966 „La Suda Stelo" (2/1966) informas, ke „Stjepan Predrijevac fervora membro de Esperanto-societo en Mostar kaj plurjara delegito de UEA, forpasis 26. I. 1965. atinginte 65 jarojn".

Pri lia privata vivo mi ricevis plurajn informojn, inter alie pri liaj tri edzinoj, lia amo al la teatro kaj al fremdaj lingvoj.

Post multa telefonado al Mostar mi trovis iun sinjoron kiu verkis artikolon pri historio de la mostara teatro, kaj li konis iun sinjorinon, kies onklo laboris en la mostara teatro kiel frizisto kaj tiu „heredis" la metion de s-ro Predrijevac. Tiel mi ricevis la eble solan savitan foton de la aktiv(eg)a osijeka pioniro.

*(Daŭrigota...)*

*Davor Klobučar*

## Esperanto-Societo **Estonteco** Križevci

Post riĉa somera aktivado en **Križevci**, kie la trian jaron sinsekve disvolviĝis instruado de Esperanto kadre de interlingvistika somera kursaro en **Biblioteko kaj legejo Franjo Marković**, **Esperanto-Societo Križevci** kaj ties prezidanto **Krunoslav Puškar** direktis al Kroata Esperanto-Ligo sian peton por ke la societo fariĝu membro de **Kroata Esperanto-Ligo**. Profesoro **Krunoslav Puškar** vizitas aktuale en **Filozofia fakultato en Zagrebo** doktoriĝan kurson pri lingvistiko.

*S. Š.*

## Esperanto-Societo **„Tibor Sekelj"** Zagrebo

**Esperanto-Societo „Tibor Sekelj**" post sia fond-kunveno la 21an de septembro 2012 estis registrita la 5-an de decembro 2012. **Prezidantino** estas **Mea Bombardelli**, vicprezidantino estas **Branka Barović,** kaj **Darinka Sović** estas sekretariino. La societo adresis al Kroata Esperanto-Ligo sian peton pri aliĝo al KEL.



*Fotis Zlatko Tišljar*

La societo en 2012 havis tri prelegojn kun prelegintoj **Zlatko Tišljar** (**Honore al Tibor Sekelj**), la 3-an de oktobro 2012, **Spomenka** Štimec (**Omaĝo al Joža Horvat**) la 7-an de oktobro, **Neven Kovačić** (**Pri historio de EU-integriĝoj**), la 5-an de decembro. Oni interkonsentis pri rea gastado de la preleganto **Neven Kovačić** la 9-an de januaro 2013 kun la temo **Belgio.**

**Esperanto-Societo Tibor Sekelj** gastigos la 6an de ferbuaro 2013 **Societon por Eŭropa Konscio** el **Velika Gorica** kiu planas prezenti sian internacian konferencon sub la titolo **Kia estus Eŭropo se ne ekzistus Eŭropa Unio**? La konferenco estis okazigita en **Triesto** en majo 2012. Prelegos **Zlatko Tišljar.** Sian partoprenon en la diskuto anoncis universitataj profesoroj **Stjepan Malović** kaj **Gordana Vilović.**

*S. Š.*

## Renovigita agado de **Esperanto-Societo Kutina**

Per iniciato de **Esperanto-Societo Sisak** estis reno-vigita la laboro de **Esperanto-Societo „ La Espero"** en **Kutina** per la fondkunveno la 27an de septembro 2012 en la klubo Arcus en **Kutina**. Prezidanto estas **Milan Perić**, sekretarino **Mirjana Varat**. La societo havas 10 membrojn.

La 21-an de decembro la societo estas registrita en la ŝtata administrejo en **Sisak.**

*Laŭ S. Radulović / S. Štimec*

## Bona novaĵo el Koreio

La korea traduko de **Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić** estas preparata en la urbo **Busan** en la **eldonejo Sanzinbook**. Ni ŝuldas la tradukon al la sama tradukisto **Ombro Jang** kun kiu ni jam havis la okazon kunlabori pri la eleganta eldono de la korea **Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo** de Tibor Sekelj en 2012.

La estro **Kang Su-Geul** donis sian konsenton pri la eldono kaj kun danko ni notas lian nomon. Redaktoro de la libro estos **Son Su-Kyang.** La korea eldono nun serĉas desegniston. Jen bela donaco pri la korea-kroata kunlaboro okaze de la 100-a jubileo de la apero de **Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić** en 1913.

*S. Štimec*

## En kiu lingvo ni laboras?

**Kalle Kniivilä**, redaktoro de **Libera Folio**, interesiĝis en **Kroata Esperanto-Ligo** interalie pri la demando kiu estas la buŝa laborlingvo en la estraro de nia asocio. Ĉu la skribaj protokoloj de la estrarkunsidoj estas en Esperanto aŭ en nacia lingvo?

*S. Štimec*

## Internacia Kultura Servo – ne plu

En decembro 2012 Urbo Zagrebo ŝanĝis la nomon de sia kulturcentro **Internacia Kultura Servo - Međunarodni centar za usluge u kulturi (IKS)**. La centro nun nomiĝas **Kulturni centar Travno** (**Kulturcentro Travno)**. La centron fondis en 1972 **Jugoslavia Esperanta Junulara Asocio** kies sidejo tiutempe estis en **Zagrebo.** La laboron de la kultura centro ebligis plurjara kultura agado de **Studenta Esperanto-Klubo** kaj ties tiutempa plej granda kultura aktiveco **Pupteatra Internacia Festivalo.** Pri la pupfestivalo **PIF** la centro okupiĝas tutan tempon dum 45 jaroj.

En la unua jaro en 1972 ekpostenis en Internacia Kultura Servo **Zlatko Tišljar, Spomenka Štimec** kaj **Ružica Grujić**. **Internacia Kultura Servo** malgrandigis sian internacian Esperanto-agadon en la naŭdekaj militaj jaroj en Kroatio kaj en 1995 la urbo Zagrebo registris ĝin kiel unu el siaj urbaj kulturcentroj.



*Desegnis Wen Jingen*



# Kroatio

Nek la montoj estas,
nek la valoj, riveroj aŭ la maro,
nek la nuboj estas,
nek la pluvo aŭ neĝo estas
mia Kroatio...
Ĉar Kroatio ne estas tero, ŝtono, akvo,
Kroatio estas la vorto kiun mi lernis de la patrino
kaj io en la vorto, kio estas pli profunda ol la vorto
kaj tio profunda min al Kroatio ligas,
kun Kroatio de la kroatoj,
kun la suferoj iliaj,
kun la rido kaj espero,
kun la homoj ĝi min ligas,
kaj mi estante kroato estas frato al ĉiuj homoj.

Kaj, kie ajn mi iras, kun mi estas Kroatio.

*Drago Ivanišević*
Esperantigis Davor Klobučar

*Dankon pro la permeso pri publikigo al Latica Ivanišević, la filino de la poeto.*

*Kreis Dunja Šverko*



# Bonvenon en Zagrebo!



Arena Centro



Kroata Nacia Teatro

Muzeo de Nuntempa Arto



Panoramo



TURISMA ASOCIO DE LA URBO ZAGREB http://www.zagreb-touristinfo.hr

Turisma Asocio de la urbo Zagrebo uzas Esperanton (http://www.zagreb-touristinfo.hr/?l=spe)

*Fotoj el la arkivo de Turisma Asocio de la urbo Zagreb. Fotis Marko Vrdoljak.*